# La Aŭstria Esperantistaro aliĝis al BoKoKo

En la redakcio de „IK" estas ricevita sekvanta rezolucio:

La Aŭstria Esperanto-Kongreso 1947 en Kufstein aprobas la sintenon de la aŭstria delegitaro ĉe la Universala Esp.-Kongreso 1947 en Bern kaj decidas:

*1) La aŭstriaj esperantistoj, kolektiĝintaj dum la aŭstria Esperanto-kongreso 1947 en Kufstein kiel reprezentantoj de la tutaŭstria esperantistaro, konsiderante, ke nur la demokratio garantias la sendependecon kaj liberecon precipe de la malgrandaj nacioj, malaprobas ĉiujn formojn de la naciismo kaj faŝismo.*

*Ili alvokas la aŭstriajn esperantistojn kaj Esperanto-unuiĝojn al aktiva subtenado de la demokrataj kaj pacemaj tendencoj.*

*2) Konsiderante, ke precipe la malgrandaj nacioj bezonas Esperanton kaj ke la specialaj cirkonstancoj en tiaj landoj postulas specialajn laborojn, ili aprobas la fondon de Bokoko de la Danubvalaj landaj esperantistaj organizaĵoj kaj kun danko akceptas la inviton al aktiva kunlaboro. Ili esprimas la deziron, ke ankaŭ la Esperantounuiĝoj de la ceteraj eŭropaj malgrandaj ŝtatoj estu invititaj al kunlaboro.*

*3) Kaŭze de tiu ĉi aliĝo la kongreso proponas, ke la organiza formo estu plivastigita je Esperantista Danublanda Agad-Komitato (EDAK).*

*4) La kongreso proponas, ke la unua komuna konferenco de EDAK estu pentekoste 1948 en Budapest.*

Al la membraro de ĉiuj aliĝintaj landaj Esperanto-organizoj la Aŭstria Esperanto-Kongreso 1947 sendas fratajn salutojn kaj esperas, ke la estonta komuna laboro estu sukcesplena!

## ANKAŬ LA HUNGARA ESPERANTISTARO ALIĜIS AL BOKOKO

### LA NEŬTRALA KAJ LA LABORISTA ORGANIZAĴOJ HUNGARAJ UNUIĜIS

La 8-an de decembro okazis sub prezido de parlamenta konsilanto, prof. *L. Kökény* la ĝenerala kunveno de Hungara Esperanto-Societo. Ĉefsekretario *Berceli* raportis, ke al la societo aliĝis jam 9 sindikatoj, kiel subtenantaj membroj. Malgrandan subvencion donas ankaŭ la ĉefurbo, kiu aranĝas du kursojn por pedagogoj kaj unu por plenaĝuloj. Krom tiuj en la ĉefurbo kaj en la ĉirkaŭaĵo funkcias 25 kursoj. El tiuj 13 ĉe tramvojistoj kun po 20 partoprenantoj. En Ujpest oficiala kurso en la Socipolitika Instituto. En Szeged — en la universitato. En Oroshaza en 3 lernejoj proksimume 200 personoj komencis lerni. Ĝis nun venis anoncoj pri 22 grupoj.

*Ĉefa punkto estis deklaro de s-no Zsàmboky pri unuiĝo de Hungarlanda Laborista Societo Esperantista kun HES. De nun estas nur unu organizo en la lando. Oni aklame akceptis la proponon kaj oni elektis la novan estraron: prez. ŝtatsekretario Vasady-Kovacs, kunprezidantoj: Baghy, Erdey Kökénz, Szerémi, Tiborcz.*

*Oni proklamis la aliĝon de HES al UEA kaj al la Balkana Agadkomitato, kiu tiamaniere transformiĝu al Agadkomitato de la Danublandaj Popoloj.*

## SEPCENT ESPERANTISTOJ ĈEESTIS LA ZAMENHOF FESTON EN BUDAPEST

Pli ol 700 esperantistoj kaj amikoj de Esperanto plenigis la 14-an de Decembro la plej elegantan filmteatron de Budapest okaze de la jubilea Zamenhof-festo. Paroladis ŝtatsekretario *Vasadi Kovacs,* prez de HES, Josefo *Sognér,* la urbestro de Budapest kaj Julio *Baghy. K. Kalocsay* prezentis sian plej novan poemon „Balado pri Zamenhof". Deklamis ankaŭ aktorino *E. Móra,* poeto *L. Tárkony,* kantojn prezentis kantistino *L. Halmi* kaj la populara *M. Sarosi.* La kantistaro *„Magyarság"* prezentis efike la himnojn kaj laboristan kanton. Post parolado de vicprez. *I. Csurgai,* oni prezentis filmon pri la rekonstruo de la hungara ĉefurbo kun esperanta parolo de *J. Baghy.*

*Radio:*

## ĈIUTAGAJ ESPERANTLINGVAJ ELSENDOJ PER LA FRANCA RADIO

Kun granda ĝojo, la geesperantistoj el ĉiuj landoj ekscios, ke la oficiala franca radio en Parizo ĵus kreis elsendojn en Esperanto, sur mallongaj ondoj, aŭdeblajn en la tuta mondo. Tiuj radiodisaŭdigoj okazas *ĉiutage,* ek de la 15-a de decembro sur 41 m. 21, dum unu kvaronhoro, de 18.15 h. ĝis 18.30 (laŭ franca horo), aŭ de 17.15 h. ĝis 17.30 (laŭ horsistemo de Greenwich) kaj 19.15 h. ĝis 19.30 h. laŭ Orienteŭropa tempo.

Tiun rezulton akiris nia samideano Pierre Delaire, direktoro de Nacia Centro Esperanto-Oficejo, kiu, cetere, jam gvidas esperanto-kurson ĉe la mikrofono de la Nacia radio, de la 8-a de januaro 1947.

Tiuj elsendoj estos gvidataj de nia fervora pariza samideanino, f-ino Huguette Royer, fondintino de Ligo France-Esperanto, kaj de s-ro Delaire. Ili ambaŭ, ĉiutage, animos tiujn elsendojn, kiujn partoprenos eminentaj gesamideanoj, pritraktante ĉiajn temojn.

La devo de ĉiu leganto estas:

1) Konatigi tiujn elsendojn al ĉiuj amikoj-esperantistoj.

2) Anonci tiun gravan rezulton por Esperanto per la nacilingva gazetaro.

3) Tuj skribi, en Esperanto, al „Radiodiffusion Française, Emissions espérantistes vers l'étranger, 118, Champs Elysées, Paris 8-e" por danki kaj gratuli.

*En la monatoj* januaro—Julio 1948 Loka Kongresa Komitato de la 33-a Universala Kongreso de Esperanto en Malmö 1948 okazigos radiodisaŭdigojn la unuan dimanĉon ĉiumonate, pere de kiuj LKK donos informojn pri la kongreso kaj ĝiaj aranĝoj.

La disaŭdigoj do okazos dimanĉe la 1/2, 7/3, 4/4, 2/5, 6/6 kaj 4/7 ĉiufoje 15.00—15.15 h. laŭ Greenwich-tempo. Mallongaj ondoj 19.80 m. kaj 27.83 m.

*En Budapeŝta radio* la 15-an de septembro estis interparolo inter la redaktoro de la radio, s-ro J. Szintnyai kaj la partoprenintoj de la Kongreso en Bern; inter ili parolis prof. Kökény Baghy kaj fine, transdoninte la sa uton de la Hungara radio al eksterlando, d-ro Kalocsay. Li menciis, ke pro la noktmezaj (24.30) esp. disaŭdigoj de la hungara radio ĝi interrilatis am kun 24 landoj. Oni petas pluajn sciigojn pri aŭdebleco.

# INTERNACIA KULTURO

KULTURA REVUO DE BALKANLANDAJ ESPERANTO-ASOCIOJ

DUA JARO — ADRESO: ALABIN 33, III ETAĜO, ĈAMBRO № 318, SOFIA — BULGARIO

DECEMBRO 1947

NUMERO 16


# ĈE LA JARFINO

*de* **Assen Grigorov**

*En la 1-a n-ro de la pasinta jarkolekto de* **„Internacia Kulturo“** *ni jenmaniere skizis la programon de nia gazeto:*

*„Konsekvenca batalo kontraŭ faŝismo, reakcio kaj nacia subpremo, kontraŭ bruligantoj de nova terura milito, batalo por konservo de la paco, por konstruado de solidareco internacia, batalo por progreso, demokratio kaj homeco“.*

*En tiu ĉi batalo ni elpaŝis ĉiam pli aktive kaj pli kuraĝe. Ni klare diris nian rilaton koncerne la plej aktualajn kaj plej tiklantajn problemojn de nia nuntempo. Ni deklaris, ke la sukcesoj de nia movado estas difinataj de tio — ĉu la movado vegetas ĉe la glaciiga vintra vetero de la faŝismo kaj reakcio, aŭ ĝi kreskas sub la bonfare varmigaj sunradioj de la demokratio. Ni firme kaj decidoplene ekstaris kontraŭ la abomena, sanga reĝimo de generalo Franco, favorito de Hitler kaj Mussolini en la pasinteco, kaj nun dorlotato de anglo-usonaj imperiistoj kaj reakciuloj; ni protestis kontraŭ la krimagoj de la nova konkuranto de la hispana diktaturo — la moderna greka monarkofaŝismo kaj ties protektantoj kaj subtenantoj — la samaj imperiismaj rondoj, kiuj protektas generalon Franco; ni solidariĝis kun la heroa helena popolo, verŝanta abunde sian sangon por la libereco kaj sendependeco de sia patrolando, konkerita de fremda imperiisma armeo; ni ĵetis lumon sur la kriman esencon de la nederlanda imperiismo, kiu per fajro kaj glavo militas en Indonezio por subigi la indiĝenajn popolojn; ni klarigis, kial ĉiu konsekvence demokrata kaj liberama samideano, inkluzive la demokrataj nederlandaj samideanoj, devas morale kaj ĉiamaniere subteni la batalon nacilibera̧n de la heroe batalantaj por sia sendependeco kolonipopoloj.*

*Aliflanke, ni batalas por la unueco de la enlanda kaj internacia Esperanto-movado. Ĉe tio ni klopodas ne fariĝi sklavoj de la formo kaj de la firmo. Por ni estas sute egale, ĉu unu samideano apartenas al tiu ĉi aŭ al alia raso aŭ nacio; ĉu li konfesas la ortodoksan, protestanan aŭ katolikan religion, aŭ li estas ateisto; ĉu li estas membro de UEA aŭ de IEL, de Laborista Esperanto-Asocio aŭ de SAT, ĉu li estas socialdemokrato, komunisto aŭ senpartiulo. Por ni la firmo ne havas signifon. Ni kiel esperantistoj devas esti unuecaj, ĉe la* **sola** *kondiĉo: ke ni estu veraj, konsekvencaj kontraŭfaŝistoj kaj demokratoj. Nature, ni donas al la vorto demokrato kaj kontraŭfaŝisto tute klaran enhavon, kiu estas esprimebla ne per malklaraj, nebulecaj, kvankam kelkfoje tro revolucie sonantaj frazoj, sed kiu estas mezurebla per tute konkreta mezurilo:*

*— Ĉu vi estas por aŭ kontraŭ generalo Franco? Ĉu vi per vortoj kaj* **per faroj** *lin defendas aŭ kontraŭbatalas?*

*— Ĉu vi estas por aŭ kontraŭ greka monarkofaŝismo? Ĉu vi per vortoj kaj* **per faroj** *subtenas la batalon de la heroaj grekaj demokrataj trupoj de legendeca generalo Markos?*

*— Ĉu vi estas por aŭ kontraŭ la nacilibera̧ batalo de la kolonipopoloj? Ĉu vi per vortoj kaj* **per faroj** *subtenas ilian justan batalon?*

*— Ĉu vi estas por aŭ kontraŭ la liberiginto de la popoloj konkeritaj de la germana faŝismo, por aŭ kontraŭ la unika lando de la socialismo, kie estas likvidita la parazita klaso de la kapitalistoj — la granda Sovjet-Unio? Ĉu vi estas por aŭ kontraŭ la liberaj jugoslavaj kaj bulgara popoloj, gvidataj al socialismo de la mondkonataj kontraŭfaŝistaj batalantoj Tito kaj Dimitrov? Ĉu vi per vortoj kaj* **per faroj** *defendas ilin aŭ batalas kontraŭ ili?*

*Laŭ via respondo, laŭ viaj vortoj kaj agoj ni juĝos, ĉu vi estas vere demokrata, progresiva esperantisto, aŭ vi estas vola aŭ nevola subtenanto de la obskuraj fortoj de la novaj bruligantoj de milito.*

*Dum la pasinta jaro tre gravaj eventoj okazis en nia movado. Difiniĝas tie ĉiam pli klare la demokrata kaj la nedemokrata tendencoj. Precipe gravan rolon ĉi tie ludas la rezolucio preparita en la nomo de la ok landaj asocioj, kiel plej larĝa platformo unuigonta ĉiujn progresivajn fortojn de nia movado; al ĝi jam aliĝis la Franca laborista esperantistaro. Oni devas substreki la plilarĝigon de la bazo de la Balkanlanda Kontakta Komitato (BoKoKo), al kiu membriĝis Aŭstra kaj Hungara unuecaj esperantistaroj.*

*Ni sendube atingos la reunuecigon de la esperantista movado sub la hela standardo, sur kiu estas skribitaj la sanktaj vortoj: demokratio, kontraŭfaŝismo kaj paco!*

*Kun fido kaj firma espero ni rigardas antaŭen al la nova jaro. Ĝi alportos al ni plurajn sukcesojn, kiuj preparos la grundon por la finvenko de nia kara movado.*

# Parizo, Aŭgusto 1944

*Raportaĵo de Boris Milev*

„Parizo estas Parizo nur kiam ĝi elfosas la ŝtonojn de siaj stratoj"
Louis Aragon

De la 19 ĝis la 26 de aŭgusto parizanoj kaj parizaninoj kun armiloj en la mano batalis kiel leonoj kontraŭ la german-faŝistaj okupantoj kaj iliaj francaj agentoj. Tio ĉi estis vera armita popola ribelo. Ĝi enskribiĝis en la historio de Francio sub la glora nomo:

*La ribelo de Parizo*

Ĝi pligrandigis la prestiĝon de la franca popolo en la mondo. Ĝi disbatis la rasistajn mensogojn de Goebels pri la degenero de la franca nacio. Ĝi pruvis, ke la francaj gepatriotoj de 1944 estas honorindaj heredantoj de la bataltradicioj inspirintaj la revoluciulojn de 1789, la barikadistojn de 1830 kaj 1848 en Lyon kaj Parizo, heredantoj de la gloraj testamentoj de la parizaj komunanoj de 1871, kiuj „per siaj brustoj ŝtormatakis la ĉielon".

Fine, la 6-an de junio 1944 la britaj kaj amerikaj armeoj malfermis la duan fronton. La transigo de la militfortoj en Normandion donis novan kaj fortan antaŭenpuŝon al la batalo por nacia liberiĝo. La hitleristaj subpremantoj estis konsternitaj. Ili ne plu atakadis, sed provis defendi sin. La tuta franca popolo, kune kun la pariza loĝantaro, estis mobilizita.

Dum la monatoj julio kaj aŭgusto okazas manifestacioj kaj demonstracioj kun vere popolamasa karaktero. La nacia festo de la 14 de julio estas solenata kiel neniam ĝis tiu ĉi dato: 45.000 geparizanoj en densaj kolonoj manifestas sian nevelkantan patriotismon. 20.000 gepatriotoj el la parizaj antaŭurboj defilas antaŭ la komunumdomoj kaj antaŭ la tomboj de la mortpafitaj francoj. Aliaj 10.000 gefrancoj de la fabrikoj, de la subtera fervojo, de la Banko de Nacia Kredito, de la Elektra centralo, de Montrouge, de la Direkcio de l' akvoj — ĉie oni strikas. Strikas ankaŭ ĉiuj parizaj kinejoj, kaj en la kvin teatroj, kiuj solaj estas malfermitaj, artistoj kaj publiko gardas unuminutan silenton, protestante tiamaniere kontraŭ la nacia sklaveco kaj manifestante sian amon al la patrujo.

Trikoloraj naciaj standardoj aperas ĉie sur la fenestroj kaj sur la pordoj. La virinoj portas kokardojn en siaj haroj kaj trikolorajn bukedojn sur siaj brustoj. Trioj da junaj knabinoj vestitaj en bluo, blanko kaj ruĝo — la franca trikoloro — promenas kuraĝe kaj paŝas fiere sub la nazoj de la hitleristaj policistoj kaj de la francaj renegatoj-milicistoj. La infanoj ludas per sennombraj etaj trikoloraj flagoj sur la stratoj, en la ĝardenoj kaj en la kortoj.

La dato 14 de julio 1944 signis la venkon de la franca popolo kontraŭ la hitleristaj tiranoj. La malamiko preparas siajn pakaĵojn por forlasi Parizon. Sed la francaj patriotoj decidas malhelpi lin. La 10-an de aŭgusto la parizaj fervojistoj deklaras strikon. La saman tagon la Ĝeneralstabo de la francaj partizanoj proklamas sian Ordonon № 3, en kiu ĝi diras: „ Partizanoj el la pariza regiono, stariĝu ĉiuj! Antaŭen al la tutpopola ribelo!"

La strikoj eksplodas unuj post aliaj: krom la fervojistoj strikas ankaŭ la poŝtistoj, la laboristoj kaj oficistoj de la subtera fervojo, la parizaj policistoj.

La 18-an de aŭgusto la ĝenerala striko de la tuta franca ĉefurbo kaj de ĝia regiono estas fakto. Laboristoj ne plu volas teni en la manoj la instrumentojn kaj oficistoj—la plumingojn. Ili kaptas glavojn, hakilojn, bombojn, novajn kaj malnovajn pafilojn, aŭtomatarmilojn. Ili eliras sur la stratojn kaj batalas kontraŭ la germanoj. Dum la nokto inter la 18 kaj 19 de aŭgusto grandaj afiŝoj anoncis al la popolo: „La liberiga ribelo komenciĝis. Ĉiuj al la batalo!"

La batalo kreskas.

La 19-an de aŭgusto la parizanoj okupas la urbdomon kaj la Unuan kvartalon. Antaŭvidemaj patriotoj okupas la Halojn, por defendi la nutraĵon kontraŭ hitleristoj kaj eventualaj rabistoj. En la korto de la pariza Prefektejo kolektiĝas la armitaj policistoj-ribeluloj. La trikolora franca standardo estas hisita super la Prefektejo kaj super la centra pariza Urbdomo.

Oratoroj kuras tra la stratoj. Ili ne faras paroladojn. Per du-tri fajraj vortoj ili vokas la geparizanojn: „Al armiloj! Ĉiu kaptu po unu hitleriston!"

Parizo batalas. En la 18-a kaj 19-a kvartaloj, sur la placoj Concorde kaj Italie, sur la bulvardo Saint-Michel, pafiloj senĉese tondras. Antaŭ la urbdomoj de la 10. kaj 11. kvartaloj okazas veraj bataloj. En la antaŭurbo Drancy, la enfermitaj 3.000 hebreoj kaj patriotoj en la terura koncentrejo estas liberigitaj kaj aliĝas al la batalantaj trupoj.

*20 de aŭgusto.* La Pariza komitato de la liberigo publikigas dekreton pri ĝenerala mobilizo, armigo kaj ribelo. La horo de la nacia leviĝo sonoris.

La popolo batalas ĉie. En la 13. kvartalo oni trovas kelkajn fusilojn kaj kartoĉon. Je la 1-a horo la batalo komenciĝas sur la Placo de la Respubliko.

*21 de Aŭgusto.* Aperas la unua n-ro de *Humanite,* organo de C. K. de Franca Komunista Partio: „Ni vokas la laboristojn okupi la fabrikojn por malhelpi ilian detruadon fare de la malamiko."

La barikadoj kreskas kiel fungoj! Kaj jen, Parizo, neglekta, brilas en sia militista kaj barikada beleco.

*22. de aŭgusto.* Parizo daŭrigas barikadiĝi.

*23. de aŭgusto.* La germanoj atakas per tankoj, kanonoj kaj rapidpafiloj. Vane. La barikadoj eltenas. La saman tagon en la 8 kvartalo, apud la legacio, la bulgaraj partizanoj kaptas 63 germanojn kune kun ilia armilaro kaj unu ŝarĝaŭtomobilo.

*24. de aŭgusto.* Je la 10-a horo aperas ordono ataki ĉiujn restantajn rezistnestojn de la malamiko, kiu provas trabori la cirklon. Vane. La patriotoj antaŭeniras. Dum la nokto la batalo daŭras.

*25. de aŭgusto.* Sur la fenestroj de la kazerno „Princo Eŭgeno", Placo de la Respubliko, hisiĝas blankaj standardoj. La laŭtparoliloj sciigas pri la germana kapitulaco en Parizo. La akto de la kapitulaco estas subskribita de la prusa generalo von Stolz en la ĉeesto de kolonelo Roll, liberiganto de Parizo.

La franca popolo gardas sian liberon kiel la pupilojn de siaj okuloj. La vojo, ekirita de la Parizaj ribeluloj en aŭgusto 1944 estas vojo, de kiu la franca popolo neniam deflankiĝos, kiaj ajn ŝanĝoj de la situacio estus alvenontaj.



Prof. Ilija Petrov Septembro 1923

# En nova erao

La bulgara popola parlamento je la kvara de Decembro 1947 faris historian akton. Estis akceptita definitive la konstitucio de la Popola Resp. Bulgario.

La nova respublika konstitucio konfirmas kaj leĝigas la historiajn konkeraĵojn de nia popolo, akiritajn rezulte de la venkoplena kontraŭfaŝisma ribelo.

Por ĉiam la rego estas elŝirita el la manoj de la reprezentantoj de la granda parazita-spekulacia kapitalo kaj kaptita forte en la popolaj manoj — en la mano de laboristoj, kamparanoj kaj popola inteligentularo. En la Popola Respubliko Bulgario la tuta rego devenas de la popolo kaj apartenas al la popolo El rimedo por teni en subigo la popolajn amasojn kaj gardi la interesojn de la ekspluatantoj, la ŝtata rego transformiĝis en grandegan forton por elradikigo de la faŝiste-reakciaj restaĵoj kaj por sekurigo de la defendo de la laboruloj.

Estis likvidita la ekonomia bazo de la reakcio — la granda parazita propreco kaj la privilegioj de la kapitalo. La komunpopola progreso fariĝas ĉefa apogo de la ŝtato kaj de la popola mastrumo, la ŝtato subtenas la kooperativajn asociojn. La akirita per laboro ŝparaĵo — privata propraĵo kaj ĝia heredado ĝuas specialan protekton.

La larĝaj civitanaj rajtoj kaj liberoj, konkeritaj de nia popolo per la sango de ĝiaj plej karaj gefiloj, estas fiksitaj en ĝia konstitucio. La jenaj rajtoj estas realaj, kaj ne nur formale skribitaj sur papero, ĉar estas garantiataj la materialaj kondiĉoj por ilia realigo.

La vortoj de ministro Vasil Kolarov, ke per la definitiva akcepto de la Konstitucio malfermiĝas nova erao por ĉiuflanka progreso kaj kultura florado de nia popola lando nin plenigas kun fiero.

En la nova erao ni devas eniri, decideme kaj inspire plenumante la komision de nia amata majsto kaj gvidanto *Georgi Dimitrov*, ke la ĉefa garantio por la efektivigo de tiu ĉi belega popola Konstitucio estas la nerompebla popola unueco.

# LA SOVJETA LITERATURO

de *Angel Todorov*

Jam dum la epoko de la carismo, kiam la rusaj verkistoj estis malhelpataj kaj persekutataj, ili tamen sukcesis krei grandan literaturon, kiu havis unuagradan signifon por la evoluo de la tutmonda litetaturo kaj kulturo. Puŝkin, Lermontov, Gogol, Tolstoj, Turgenev, Ĉehov, Gorkij — jen estas plejado da geniaj verkistoj kaj pensuloj, portantoj de sobra, reala rilato al la vivo kaj de profunda humanismo. La Oktobta revolucio levis la ŝtontabulon, kiu premis la tutan kulturan vivon en la senfina slava lando kaj tute ebligis al la sovjetaj popoloj — ĉiu en sia lingvo — krei novan literaturon—literaturon de la socialisma realismo.

Gorkij kun sia granda verkado estas vivanta ligilo inter la antaŭrevolucia kritike-reala kaj ĝeneralehumaneca rusa literaturo kaj la nova socialisme-reala literaturo. Multaj el la antaŭrevoluciaj verkoj de Gorkij kaj unuavice la romano „Patrino" estas veraj heroldoj de la nova sovjeta literaturo. Gorkij verkis vicon da valoraj verkoj ankaŭ post la revolucio. En 1925 aperis lia romano „La verko de la familio Artamonov". Priskribante en ĝi rusan komercan familion, li pentras la dekadencon de la rusa burĝaro — dekadencon, kiu venigis ĝin al ĝia historia tombo. En 1927 komenciĝis la presigo de alia granda verko de Gorkij—„La vivo de Klim Samgin" („Kvardek jaroj"). Ĝi prezentas el si vicon da romanoj, el kiuj ĝis la morto Gorkij sukcesis verki kaj aperigi nur kvar. „En tiu ĉi romano — skribas unu sovjeta kritikisto — Gorkij havas la taskon prezenti la elementajn etapojn de la socia evoluo de Rusio dum 40 jaroj (de la fino de la 70-aj jaroj ĝis 1917) en ĝiaj diversaj sociaj rangoj kaj ĝenerale — en la diversaj direktoj de la ideologia batalo, kiuj karakterizas tiun ĉi epokon".

Samtempe kun sia monumenta beletra laboro, escepte de kelkaj konsiderindaj teatraĵoj, kiujn Gorkij verkis post la revolucio, li laboris senĉese kiel publicisto kaj literaturisto. En serio da literaturaj artikoloj li akcentis tiujn fundamentajn liniojn, kiujn devis sekvi la sovjeta literaturo por ke ĝi provoku la kreon de grandaj artverkoj, respegulantaj ĝuste la vivon.

Efektive en la sovjeta literaturo floris multnombraj talentoj de grandaj sovjetaj verkistoj, el kiuj multaj estas tutmonde konataj. En la sfero de la liriko precipe elstaris la poeto Vladimir Majakovskij (1893—1930), pri kiu Stalin diras: „Majakovskij estis kaj restas la plej bona, la plej talenta poeto de nia sovjeta epoko". En cento da versaĵoj kaj precipe en sia famekonata poemo „V. I. Lenin" Majakovskij interpretas en nova originala formo la ĝeneralan enhavon de la granda transformado en la vivo de la popoloj en Sovjetio — rezulto de la Oktobra revolucio. Kune kun Majakovskij kaj ankaŭ post li ĝis la nuna tago formiĝis kaj formiĝas aliaj konsiderindaj sovjetaj poetoj kiel Nikolaj Tihonov, Nikolaj Asejev, Pavel Antokolskij, Semjon Kirsanov, Eduard Bagrickij, A. Surkov, M. Isakovskij, A. Tvardovskij, K. Simonov, Margarita Aliger kaj aliaj.

Tuj post la revolucio la beletro kreis nemalmultajn beletrajn verkojn, kiuj reflektis la tiamajn malfacilajn jarojn de civila milito kaj de batalo kontraŭ la intervenco: „Disbato" de Fadejev, „Ĉapajev" de Furmanov kaj aliaj. La unuaj paŝoj de la konstruado havis sian reflekton en la romano de Fjodor Gladkov „Cemento", kreinta la novajn figurojn de la batalantoj por restarigo de la detruita dum la milito ekonomio — de la batalantoj por socialismo. La reorganizo de la tuta vivo sur la bazo de la socialisma ekonomio, la radikala transformiĝo en la urboj kaj vilaĝoj baldaŭ fariĝis fundamenta temo de la rakontistoj kaj romanistoj en Sovjetio. Aperis verkoj kiel „Hidrocentralo" de Marieta Ŝaginjan (1931), „Epoko, antaŭen!" de Valentin Katajev (1932), „Dua tago" (1934), kaj „En unu spiro" (1935) de Ilja Ehrenburg kaj aliaj. Grandaj fenomenoj por la sovjeta literaturo estas la verkoj de N. Ostrovskij (1904—1936) — „Kiel hardiĝas la ŝtalo" kaj „Naskitaj en tempesto" de A. S. Novikov-Priboj — „Cuŝima", de A. Makarenko — „Pedagogia poemo" kaj aliaj.

Meze de la sovjetaj beletristoj ĉefan lokon okupas Aleksej Tolstoj (mortinta 1945) kaj Mihail Ŝolohov. La ĉefverkoj de Al. Tolstoj estas la historia romano „Petro la Unua" kaj la romano-trilogio „Vagado en la purgatorio" („Fratinoj" — 1921, „La dekoka jaro" — 1926 kaj „Malserena mateno" — 1941). Tiu ĉi trilogio prezentas vastan historian bildon de antaŭrevolucia Rusio — la civilan militon.

Mihail Ŝolohov komencas sian vojon de verkisto per la kolekto „Don-rakontoj". Tutmondan famon li akiris per sia kvarvoluma romano „La kvieta Don". En ĝi, priskribante la vivon de la kozakoj antaŭ kaj post la revolucio, la aŭtoro prezentas la plej esencajn trajtojn de tiuj ĉi krizaj jaroj, la transiron de la carismo al la sovjeta reĝimo. Per impona realismo Ŝolohov priskribas la popolan vivon, malkovras al ni la plej karakteran el ĝi; laŭ la potenco de sia arta efiko li proksimiĝas al la plej kolosaj verkoj de la klasika rusa literaturo. En 1932 Ŝolohov aperigis la unuan parton de unu alia grandega verko (ankoraŭ nefinverkita) — „La plugita pragrundo". Malkovrante la vivon de siaj ŝatataj kozakoj, en tiu ĉi romano Ŝolohov priskribas la kolektivigon de la vilaĝa mastrumado en USSR. Dum la lasta milito Ŝolohov kiel militkorespondanto estis sur la fronto kaj siajn impresojn li prilaboras en sia nova romano — „Ili batalis por la patrolando", el kiu ĝis nun aperis nur kelkaj ĉapitroj.

La patrolanda milito estas vaste priskribita ankaŭ en la verkoj de multaj aliaj verkistoj: A. Fadejev — „Juna gvardio", K. Simonov — „Tagoj kaj noktoj" (pri la defendo de Stalingrad), B. Gorbatov — La nesubigitoj", V. Katajev — „La filo de la regimento", V. Vasilevska — „Ĉielarko" kaj aliaj. Pri la ĉi-lasta milito estis verkita ankaŭ serio da poemoj („Zoja "de M. Aliger, „Vasilij Tjorkin" de A. Tvardovskij, „Pulkova meridiano" de V. Inber, „Filo" de P. Antokolski kaj aliaj). La teatraĵoj (kiujn ni ne havas la eblecon trastudi pli detale en ĉi notoj) ankaŭ estas reprezentitaj en vico da grandaj verkoj pri la Patrolanda milito: „Rusoj" de K. Simonov, „Fronto" de A. Kornejĉuk, „Invado" de L. Leonov — teatraĵoj, kiuj estas premiitaj per la Stalin-premio.

En la nunaj tagoj la sovjetaj verkistoj reflektas tiel la heroan agadon de la sovjetaj popoloj en la sfero de la konstruado, kiel la batalon de ili kaj de ĉiuj progresemaj homoj en la mondo kontraŭ la novaj incitantoj de milito.

# OKTOBRA ODO AL LA TRIDEKJARA SOVJETUNIO[1]

*Ho granda dudek-kvina de Oktobro,*
*Kiam amasoj rulis sin lavange,*
*Gvidataj de Lenina fajra sobro,*
*Kaj la Epokon Novan baptis sange:*
*Per la nerezistebla sturm' alflanke*
*Ĵetis grandburĝon, bienulon, caron,*
*Potencon donis al popol' senmanke,*
*Kaj la Laboron metis sur altaron!*

*La mond' jarmilojn vivis en konfuzo*
*De besta lukt' por vivo: klan' kun klano,*
*Klaso kun klaso, per armil' kaj ruzo,*
*Batalis krude por pli granda pano.*
*Salut' al vi Oktobra Uragano,*
*Forbalaanta ĉi epokon feran,*
*Por ke l' homar' laŭ solidara plano*
*Komencu sian historion veran:*

*Epokon de la Scio kaj Libero,*
*En kiu kreas sin la Homo Nova,*
*Kiu la kapon tretos de l' kimero,*
*Ke l' hom' eterne restas nur senpova*
*Ludil' de l' aĵoj, — kaj kun filozofa*
*Klarvido regos super ĉiu forto*
*Natura kaj socia: seren-brova*
*Forĝanto de l' komuna-propra sorto.*

*Tra mar' da sango kaj sufero gvidis*
*La lukta voj' al tiu cel' sublima:*
*Ĉirkaŭe la malnova mond' insidis,*
*Ribelis hordoj por atako krima,*
*Sed venkis brav' kaj sinofer' senlima,*
*Triumfis Stalin apud Stalingrado,*
*Kaj la popol' libera, jun-anima*
*Sin donis al mondkrea konstruado:*

*Titana febro de kvinjaraj planoj*
*Hejtis la korojn, kaj la organizo*
*Faris miraklojn per fervoraj manoj*
*Konkuraj pri masono, forĝo, ĉizo.*
*Dum transe oni dronis en la Krizo,*
*Tie preparis ĉi klopod' pasia*
*Hejmon, ĉe kiu estas pala grizo*
*Eĉ revo plej aŭdace fantazia.*

*Sed la Mallum' embuskis al la Lumo,*
*La Detruem' embuskis al Kreado:*
*Elsendis la Obskura Frenezumo*
*Siajn vandalajn hordojn por invado.*
*Kaj kredis jam, ke li en marŝparado*
*Metos la mondon sub la jugon brutan,*
*Sed Stalin venkis lin ĉe Stalingrado,*
*Patrujon savis, kaj la mondon tutan.*

*Esper' de l' mondo, mondo de l' Espero,*
*Sovjetunio, vi, forĝej' titana,*
*Kies marteloj tintas sur la fero*
*La sanktan himnon de l' Epok' Humana,*
*Kie ne diktas la profit' profana,*
*Strebanta blinde por ĝiskreva ŝvelo,*
*Kie la homo estas ne du-mana*
*Maŝino plu, sed ĉies ĉefa celo!*

*Patrujo, kie cent kaj kelkdek gentoj*
*Sin strečas al la lumo de l' konscio,*
*Kaj el mizero besta, el turmentoj*
*De la subprem' despota, je nacio*
*Ellevis sin per la konstitucio*
*Stalina, kiu donis arton, skribon*
*Al sovaĝuloj, kaj por ambicio*
*Kultura vekis elmortontajn tribojn!*

*Popol' libera kaj liberiganta,*
*Kun kies helpo ankaŭ ni, hungaroj*
*Saviĝis de l' germana prem' juganta,*
*Sub kiu ĝemis ni dum kvarcent jaroj,*
*Kaj kiu ĵus, per la hitler-barbaroj,*
*Nin jam minacis per ekzist-estingo!*
*Nun, dank' al vi, ekiris ni por faroj*
*De la Progreso kun potenca svingo,*

*Kaj marŝas packonkure kun najbaroj,*
*Liberiĝinte de l' malam-inkubo,*
*Sub kiun, por disfermi nin per baroj,*
*Nin sorĉis ride profitanta grupo.*
*Sub via ŝirmo, jen, de ŝtup' al ŝtupo*
*Ascendas gentoj sur ĉi tero-peco,*
*En sangsterkitaj valoj de Danubo,*
*Sub la standardoj de l' popol-frateco.*

*Ĉi tiun frat-konkordon, pacan kreon*
*Vane surŝprucas ĉia kalumnio,*
*Kaj vane volas puŝi en pereon*
*Malicaj fortoj: rompos jam nenio*
*La ordon de l' Labor' kaj Harmonio,*
*Ĉar gardostaras kontraŭ la minaco*
*Popol-potenco: la Sovjet-unio,*
*Bastiono firma de l' homara paco.*

*Sovjet-unio, mondo de l' Espero,*
*Esper' de l' mondo, vi, forĝej' titana,*
*Kies marteloj tintas sur la fero*
*La sanktan himnon de l' Epok' Humana,*
*En kiu la homaro, ĝis nun nana,*
*Ekkreskis jam, por kreski je giganto,*
*Hozana al vi, granda land', hozana*
*Al granda Stalin, la saĝul-gvidanto!*

*K. Kalocsay*

[1] Dirita en la festo de Hungara Esperanto-Societo kaj Hungara Esperanto-Societo Laborista por la tridekjara jubileo de la Sovjet-Unio.

---

*Samideano,*

*Tuj reabonu al „Internacia Kulturo", 3-a jarkolekto. Per tio vi ebligos la akuratan kaj bonan aperigon de via ŝatata revuo. Rekomendu „Internacian Kulturon" al via alilanda korespondanto. Kontrolu ĉu viaj amikoj ĝin ricevas. Instigu ilin al abonado!*

*Laborante por „Internacia Kulturo", vi laboras por la progreso de nia movado!*

# Kantante kaj laborante la bulgara junularo iras antaŭen!

Ĉiutage ni iras antaŭen!

Nia junularo estis unua en la popola batalo kontraŭ la faŝismo.

Hodiaŭ denove ĝi estas unua sur la ekonomia fronto kaj mirigas kun sia laborheroismo.

Ĉi-jare pli ol 80,000 gejunuloj en tri ŝanĝoj po du monatoj laboris en la nacia laborbrigado „Georgi Dimitrov" sur kvin ĝeneralaj objektoj laŭ la ŝtata dujara ekonomia plano.

La junularo konstruis la fervojon Pernik—Voluek, kie ĝi kun miriga heroismo traboris la tunelon № 3, kie precipe distingiĝis la juna laborheroo Ĥristo Maksimov (Maksim), kiu jam estas la plej populara junulo kaj kies nomo oni prononcas kun sento de fiero kaj ĝojo. Maksim estas standardo kaj idealo de ĉiu bulgara junulo.

Post sesmonata obstina libervola laboro la junaj gebrigadanoj finis kun honoro „la Pasejon de la Respubliko Hainboaz", la magistralon Kurilo—Sofia—Pazarĝik—Plovdiv. Ili pli frue, antaŭ la difinita limtempo, plenumis sian laboron ĉe la fervojo Loveĉ—Trojan, ĉe la kombinato „Minkova Mahala", la digoj „Rosica" kaj „Koprinka", la konstruado en la junu-

## *JUGOSLAVIO DE TITO EN KONSTRUADO*



**Malsupre:** Ĉe laboro sur la fervojlinio Ŝamac—Sarajevo; Beograd estas rekonstruata

**Supre:** maldekstre — Nove konstruita maŝinfabrika kombinato apud Beograd; dekstre: Traborado de la granda tunelo Vranduk sur la junulara fervojlinio Ŝamac—Sarajevo. Meze: konstruado de la aŭtostrato „Unueco", kunliganta Beograd kun Zagreb.



lara urbo „Dimitrovgrad“ kaj ĉe centoj da laborobjektoj de loka kaj regiona skalo.

En tia senĉesa taga kaj nokta laboro naskiĝis la nova junulo—konstruanto kaj noviganto de nia Popola Respubliko, kiu ne nur ne timas la malfacilaĵojn, sed kuraĝe iras kontraŭ ili kaj venkas ilin. La persono de tiu nova homo jam estas fundamenta motivo en la verkoj de niaj artistoj, kies plejmulto estis ankaŭ en la brigado kaj laboris kun niaj gebrigadanoj.

Kun niaj gejunuloj laboris francaj, anglaj, usonaj, jugoslaviaj, svisaj, italaj, rumanaj, hungaraj, polaj, albanaj, ĉeĥoslovakaj kaj grekaj gejunuloj kaj en la kolektiva laboro oni konstruis la fratecon kaj la internacian solidarecon inter nia junularo kaj la demokrata junularo de la tuta mondo.

Ne nur sur la ekonomia fronto nia junularo estas unua, sed ankaŭ en la fronto de la kulturo.

Dum la Nacia festivalo de la junulara amatora artista agado, kiu okazis la 24-an de Majo 1947 en Sofio, pli ol 100,000 junaj artistoj, kantistoj kaj muzikantoj el la vicoj de nia junularo, montris siajn sukcesojn en la amatora arto.

En Praha dum la Internacia junulara festivalo la bulgaroj prezentis sin kun granda sukceso kaj prenis la plej multajn poentojn de la klasifiko en la konkurso inter 71 diversaj nacioj.

Nia ĥoro kun siaj belsonaj voĉoj kaj belega plenumado de la plej belaj bulgaraj popolkantoj estis la dua en la klasifiko, post la jugoslava, kaj nia dancgrupo ludis la plej belajn kaj interesajn bulgarajn popoldancojn en la festivalo kaj ricevis la trian lokon en la klasifiko.

Nia baritono-vokalisto Dimitr Boŝkov estis la dua post la sovjeta, kaj la bulgaraj infanoj organizitaj en „Septemvrijĉe“ lasis neforgeseblajn impresojn ĉe la internacia publiko.

Laborante kaj kantante nia junularo konstruas sian feliĉan estontecon.

La apartaj junularaj politikaj kaj amasorganizacioj jam estas unuigitaj en unu popola asocio de la junularo, kio estas grandega sukceso de la juna generacio de G. Dimitrov en nia lando.

Gvidataj de la granda batalanto kontraŭ la reakcio, la fiero de la demokrataj homoj de la tuta mondo kaj timigilo por la monda reakcio, k-do G. Dimitrov, ni iras antaŭen al la socialismo. Ni ne nur konstruas, sed ni ankaŭ estas pretaj defendi tion, kion ni konstruas, defendi nian nacian sendependecon kaj liberecon.

La unueco de la demokrataj fortoj en nia lando estas certa garantiaĵo por la trankvilo kaj paco en la Balkanoj.

Ni venkos, ĉar kun ni estas Stalin, Georgi Dimitrov, Tito kaj ĉiuj batalantoj por paco. Ni amas la pacon, tial ni estas pretaj defendi la tutmondan pacon!

*Georgi Bigor*



Zlatju Bojaĝiev — Pasejo

***La sekvanta n-ro de „Internacia Kulturo“ estos duobla, por januaro kaj februaro 1948, kaj aperos en la fino de la februaro.***

***Bonvolu sendi viajn manuskriptojn ĝis la 10 de februaro!***

*Vojaĝimpresoj:*

# „NI BATALOS KAJ VENKOS"

En la majesta mitingo en Bukureŝto okaze de la 30-a datreveno de la Oktobra revolucio super la kapoj de la emociiĝinta tricentmila amaso superstaris multnombraj plakatoj, sur kiuj estis skribite: „*Ni batalos kaj venkos*". Ne estas necese longan tempon restadi en Rumanio por kompreni la veran signifon de tiu ĉi penso Ĝi ne estas simpla lozungo, bondeziro aŭ nuda promeso. Ĝi estas la hodiaŭa rumana realeco. „Ni batalos kaj venkos" — estas devizo de la tuta rumana popolo.

En Rumanio oni sentas la novon ĉe ĉiu paŝo. Kaj la afabla limgardisto ĉe Ĝurĝiu kiu sentime komentas la krimojn de Maniu kaj Mihalake kaj malkaŝe bedaŭras pro la antaŭtempa forigo de la mortpuno en Rumanio; kaj la junaj komunistoj kiuj dimanĉe fervore disvastigas tra la bukureŝtaj stratoj la partian organon „Scântea"; kaj la spontanea entuziasmo de la amasoj dum tagoj de tutpopolaj festoj — ĉi ĉio montras, ke en tiu ĉi lando oni kreas novan vivon. Tuta popolo renaskiĝas — popolo, kiu dum jarcentoj ĝemis sub la jugo de grandaj bienuloj, tenata en obskura malklereco kaj senkompate ekspluatata.

Dum mallonga tempo post la liberiĝo Rumanio iris jam multajn jarojn antaŭen. — Antaŭ la milito ĝi okupis en Eŭropo unu el la unuaj lokoj laŭ la nombro de la analfabetuloj (55% de la virinoj kaj 30% de la viroj). Hodiaŭ, dank' al la klopodoj de la popola reĝimo, nur dum la lastaj du jaroj kaj duono centmiloj da viroj kaj virinoj lernis legi kaj skribi. En unu el la plej grandaj petrolrafinejoj en Eŭropo, „Astra Româna" en Ploeŝti, ekzemple, nur dum du jaroj la procento de la analfabetuloj falis de 40 al 2. Tio, de sia flanko, puŝas la disvolviĝon de la libroeldonado, kiu lastatempe havas rimarkindajn sukcesojn. Speciale grandan disvastiĝon havas la verkoj de la klasikuloj de marksismo-leninismo, kiuj malgraŭ la grandaj eldonkvantoj, jam estas plurfoje eldonitaj.

En Rumanio oni konstruas multe kaj rapide. De la detruitaj kaj difektitaj pro bombardoj domoj en Bukureŝto jam estas hodiaŭ preskaŭ neniu postsigno. Same tiel estas en Ploeŝti, kiu estis unu el la plej forte bombarditaj urboj sur la Balkanoj. La urbo estas eĉ pli bela ol antaŭe, la grandaj rafinejoj estas jam restarigitaj, la petrolokondukiloj kaj la sondoj—same. Ok- ĝis naŭetaĝajn domojn en Bukureŝto oni konstruas dum kvin-ses monatoj. Tie oni povas vidi plej diversajn arkitekturajn stilojn. Apud mallarĝa 12-etaĝa ĉielgratanto aziliĝis „modesta" trietaĝa konstruaĵo, kaj iom plue elstaras antikva kastelo kun turoj ĉe la kvar anguloj kaj barita per altaj muroj. Vi nevole okulfermas kaj atendas vidi la peze falantan, grincantan moveblan ponton, tra kiu jen elflugos pompa kaleŝo kun fortaj ĉevaloj... Sed tio estas nur momento. Sirenoj de miloj da aŭtoj en Bukureŝto revenigas vin al la realeco.

Ne vane oni nomas Bukureŝton „la malgranda Parizo"! Per siaj imponaj konstruaĵoj en la centro (en tiu ĉi proksimume dumiliona urbo oni povas pli ol unu horon piedmarŝi, ne elirante el la centro), per siaj larĝaj kaj longaj asfaltitaj bulvardoj, per la neĉesanta bruo de la aŭtomobiloj, aŭtobusoj kaj tramoj, per centoj da nokte brilantaj neon-reklamoj, per sennombraj benzinstacioj Bukureŝto memorigas la grandajn okcidenteŭropajn ĉefurbojn.

Ĉi tie vi povus aĉeti ĉion kion vi dezirus: amerikan ĉokoladon, brazilan kakaon, cejlonan teon, argentinajn konservojn, britajn ŝtofojn kaj la plej novajn produktojn de la franca parfum-industrio, — sed ĉi ĉio je tre altaj prezoj. Permesante ekzistadon de tia libera merkato, samtempe la registaro energie batalas kontraŭ la spekulaciado kaj la nigra merkato, kiuj hodiaŭ estas konsiderinde limigitaj. La spekulaciantoj ekstaras antaŭ la alternativo: aŭ vendi kaŝe, kaj se oni ilin kaptus, ricevi ĝis 25 jaroj da punlaboro, aŭ alporti la varojn al la leĝa merkato. La fakto, ke dum mallonga tempo pli kaj pli da varoj aperas sur la merkato, montras la pozitivan efikon de la speciala leĝo kontraŭ spekulaciado kaj nigra merkato.

En la pasinteco Bukureŝto estis fama per siaj benzinstacioj, monumentoj kaj diboĉa vivo, en kiu aristokrataj nenionfarantoj, spekulaciantoj kaj aliaj obskuraj personoj malŝparis dum unu nokto tutajn havaĵojn.

Hodiaŭ oni malofte povas vidi en Bukureŝto la heroojn de antaŭ la milito: kun cilindro, monoklo kaj bambuka bastono. Ĝi estas jam historio pri kiu neniu deziras rememori. Tio kio distingas hodiaŭan Bukureŝton kaj kun kio oni kunpuŝiĝas ĉie en la lando — tiel en la urbo kiel en la lasta vilaĝeto, perdiĝinta en la sinoj de la Karpatoj — ĝi estas la nova demokrata spirito. Tiu ĉi nova spirito senkompate frakasas ĉiujn, por kiuj la laboro ĉiam signifis ekspluatadon de la popolo, kiuj konstruis sian parazitan vivon sur la ŝvito de la laboristoj kaj kamparanoj. En interparolo kun simpla laboristo, kun vilaĝano aŭ oficisto restas nenia dubo, ke tiuj ĉi simplaj personoj estas firme deciditaj konduki ĝis la fino la komencitan aferon.

La ŝtata direktilo estas forte en iliaj manoj kaj ili neniam plu ĝin ellasos.

*Eduard Safir*

Al. Stamenov — Konsilo de la brigadestroj



---

***Kara samideano,***

*Atentu la malaltigitan abontarifon de „**Internacia Kulturo**", kiun la revuo nun havas malgraŭ la plialtiĝo de la paperprezoj.*

*Jam hodiaŭ sendu vian abonkotizon al la redakcio de la revuo!*

# LA NUNTEMPA LINGVOSCIENCO KAJ INTERNACIA LINGVO

La 16-an de Septembro 1947 la Sofia esperantistaro havis la feliĉan okazon aŭdi belegan prelegon de d-ro *Ivo Lapenna* (Zagreb) pri la temo „La nuntempa lingvoscienco kaj la Internacia Lingvo". En sia prelego d-ro Lapenna pritraktis tre gravajn problemojn pri la deveno kaj evoluo de la lingvo. La solvo de tiuj problemoj el unu vere scienca vidpunkto havas profundan kaj principan signifon ankaŭ por la scienca pritrakto de la Internacia Lingvo. La preleginto aparte atentigis, ke ĉiu esperantisto devus havi almenaŭ plej ĝeneralan konon pri la hodiaŭa lingvoscienco por povi efektive kaj sukcese en ĉiuj rondoj defendi ankaŭ teorie la Internacian Lingvon. La konscio, ke Esperanto troviĝas sur la linio de la lingvoevoluo ĝenerale, la fakto ke Esperanto ne kontraŭas al tiu normala evoluo, donas al la esperantistoj pli da forto kaj firmeco por senĉese antaŭenpuŝadi kaj disvastigadi la lingvon. Esperanto el pure lingva vidpunkto estas tiom bela kaj tiom impona, ke ĉiu pli malpli naiva mistika aldono povas nur malheligi la genian brilon de la lingvo.

D-ro Lapenna, post tiu ĉi mallonga enkonduko, pritraktis du fundamentajn demandojn de la lingvoscienco: la demandon pri ekesto de la lingvo kaj la demandon pri la faktoroj influantaj ĝian evoluon. En belega lingvo kaj laŭ sia konata maniero la prelegintoprezentis tre trafe la diversajn teoriojn kiuj provas klarigi tiun ĉi problemon. Ĉiuj teorioj estas divideblaj je du ĉefaj kategorioj, nome la diversaj idealismaj teorioj kaj la materialisma teorio. Laŭ la unuaj, kiujn prezentas en siaj verkoj la konataj lingvistoj *Bopp, Schlegel, Müller Maks* kaj *Friedrich, Trombetti* kaj aliaj, en la komenco ekzistis nur unu pralingvo por la tuta homaro. Tiu pralingvo poste disbranĉiĝis en plurajn lingvojn, el kiuj en la plua evoluo ekestadis novaj lingvoj. Tiamaniere la idealismaj lingvoteorioj, komprenante la lingvon ne kiel socian fenomenon sed kiel donacon de la naturo aŭ de dio, opiniis ke la lingvoevoluo iras de unu unueca pralingvo al ĉiam pli granda multlingveco en la estonteco.

Tute male de la idealismaj konceptoj, la materialisma lingvoscienco, kies fondinto kaj ĉefa reprezentanto estas N. J. Marr, pruvis, ke en la komenco la homo uzis por la interkompreniĝado la lingvon de signoj, t. n. manan aŭ kinematikan lingvon. Ankaŭ hodiaŭ la homo, precipe la oratoroj, multe uzas la manojn por doni pli da forto al siaj vortoj. Poste la homo iom post iom transiradis al parolata lingvo. La transira procedo daŭris multajn jarcentojn kaj eĉ jarmilojn. Vera revolucio ekestis en la komunikado, kiam la homo sukcesis asociigi la sonojn al la objektoj, agoj kaj ideoj. La parola lingvo ekestadis iom post iom en la laborproceso kaj la historio de la homa lingvo estas nedisigeble ligita al la historio de la laboro. En la epoko kiam la homo komencis uzi la buŝan lingvon, estis, kompreneble, kreata ne unu unueca lingvo, sed amaso da lingvoj: precize tiom, kiom da malgrandaj homgrupoj ekzistis. Pli poste, sekvante ĉiam la evoluon de la socio, la lingvoj englutadis unuj la aliajn, kruciĝadis, kunfandiĝadis ktp. Konsekvence ekzistis ĉiam malpli kaj malpli da lingvoj, ĉar unuecaj novaj lingvoj estis uzataj de ĉiam pli grandaj homgrupoj (triboj, gentoj kaj fine nacioj). Tiu ĉi evoluproceso donis fine, en la nuna epoko, la naciajn literaturajn lingvojn, kiuj fakte estas konscie kreataj surbaze de la samtempaj bezonoj por komunikado. Tiuj ĉi bezonoj, siavice, elkreskas el la materia bazo de la socio, t. e. el la atingita ŝtupo de la evoluo de la produktorimedoj kaj el la rilatoj en la produktado.

La proceso de unueciĝo plue daŭras. Ĝi estis multe antaŭenpuŝita pro la grandaj progresoj atingitaj en la sferoj de scienco kaj tekniko. Ni ĉiuj povas rimarki, ke la lingvoj ĉiam pli kaj pli internaciiĝas. Ekzistas tutaj sektoroj, kiuj aplikas preskaŭ ekskluzive internaciajn vortojn. Precipe tio ĉi rilatas al diversaj branĉoj de tekniko kaj scienco. La vortoj, kiel ekzemple aŭtomobilo, tekniko, maŝino, lokomotivo, telefono, telegrafo, radio kaj sennombraj aliaj estas same tiel kroataj aŭ bulgaraj aŭ rusaj, kiel italaj, francaj ktp. Unu fakulo povas ofte legi fakan verkon en lingvo preskaŭ nekonata al li, ĉar la faka esprimaro estas grandparte internaciigita. Ĉio ĉi pruvas, ke la vojo de la lingvoevoluo iras de multlingveco en la estinteco al unueca lingvo de la estonta unueca, senklasa homaro.

La provoj de la faŝistoj en diversaj eŭropaj landoj haltigi tiun ĉi normalan progresadon per la kreado de apartaj naciaj esprimoj — plene fiaskis. La faŝismo ankaŭ sur la lingva kampo montris sian reakcian vizaĝon. Ĝi estis kontraŭ la Internacia Lingvo ne nur ĉar Esperanto celas ebligi la kompreniĝadon de la homoj en mondaj kadroj, sed ankaŭ pro tio, ĉar la faŝismo, proklamante rasan superecon kaj nacian ekskluzivecon, logike devas esti reakcie-ŝovinisma ankaŭ koncerne la lingvon.

D-ro Lapenna komparis la ekeston de la literaturaj lingvoj kun la ekesto de la Internacia Lingvo. Li pruvis, ke inter la naciaj literaturaj lingvoj kaj Esperanto ekzistas rilate al tio nenia principa diferenco. Ankaŭ Esperanto ekestis surbaze de bezonoj por kompreniĝado. Nur la naciaj literaturaj lingvoj havas la taskon servi kiel instrumento de komunikado por

V. Barakov — La fervojlinio Pernik—Volujak



la apartenantoj de la sama nacio, dum Esperanto servas kiel interkomprenilo en mondaj kadroj. Plej bona pruvo, ke la naciaj lingvoj ne estas iaj donacoj de la naturo, sed lingvoj artefaritaj estas la fakto, ke ĉiujn naciajn literaturajn lingvojn oni studas dum 10—12 jaroj en la lernejoj kaj tamen, post tiom longa lernado, tre malmultaj homoj regas perfekte sian propran nacian literaturan lingvon. Se la literatura nacilingvo estus ia natura fenomeno, ligita apriore kaj denaske al la homa personeco, tiam, sendube, oni ne devus ĝin lernadi!

La samaj faktoroj kiuj influas la evoluon de la naciaj lingvoj, direktas ankaŭ la evoluon de Esperanto. Tial estas naive paroli ĉu ni bezonas en Esperanto neologismojn aŭ ne. Pri tio povas decidi neniu opa esperantisto, neniu akademio. Se la vivo ekestigas la bezonon por unu nova vorto, tiu ĉi vorto estos kreita tute egale ĉu tio al iu plaĉas aŭ ne. Kaj ĝi restos en la lingvo tute certe, se por ĝi la bezono daŭras. Tial eniris en Esperanton multaj neologismoj. La vortoj kiel kolhozo, sovjeto k. a. klare montras la neceson, ke la lingvo ĉiam respegulu la realan vivon.

D-ro Lapenna konkludis akcentante, ke Esperanto plene troviĝas sur la linio de la ĝenerala lingvoevoluo. La Internacia Lingvo ankaŭ plue ensuĉos ĉion kio estas vere internacia sur la lingva kampo. Ĉar surbaze de la ĉiam pli kaj pli internaciiĝanta ekonomio, internaciiĝos ŝame tiel ĉiam pli kaj pli la lingvoj ĝenerale, kaj ĉar Esperanto ĉiam respegulos tiun ĉi internaciiĝan respektive eĉ internaciigan proceson, tial venos la tempo kiam la kvanto de internaciaj radikoj en la lingvoj ĝenerale estos multe pli granda ol la kvanto de propre naciaj esprimoj. Tiam ekestos unu revolucia salto al io esence nova: al unueca mondlingvo. La mondlingvo estos, do, lingvo nova, evoluonta surbaze, kiel oni vidas, de la hodiaŭa internacia lingvo Esperanto.

D-ro Lapenna finis sian belegan kaj tre interesan prelegon per la vortoj: „Ni devas forigi de Esperanto ĉiujn mistikajn ismojn, por ke ĝi ekbrilu en sia plena beleco kaj imponu pro sia socia graveco al la tuta mondo!“

*Dimitr Haĝiev*



*Ekonomia vivo*

# La pola eksterlanda komerco

La sekvantaj informoj karakterizas la kreskon de niaj komercaj rilatoj kun eksterlando.

La ĝenerala nombro de ŝtatoj, partoprenantaj nian eksterlandan komercon superis jam 30. Tial okazis plivastiĝo de nia eksterlanda komerco. Ankaŭ pligrandiĝis la nombro de la varoj kaj pli egalmezure estas dividitaj la spezoj laŭ la unuopaj ŝtatoj. Tiu ĉi fenomeno montriĝis en la fakto de la pli granda partopreno en nia komerco de ekstereŭropaj kaj transmaraj landoj.

Oni devas substreki, ke laŭ vidpunkto de krudajvenigo la plej grandan signifon havas la liveroj el Sovjetunio, kiu grandskale kovras niajn bezonojn pri kotono, minaĵoj, greno, benzino ktp.

Laŭ la venigo de investigaj varoj gravan lokon okupas Svedio, Svislando kaj Anglio kaj laŭ la manĝvaroj — Sovjetio, skandinavaj kaj apuddanubaj landoj.

Laŭ proksimumaj ciferoj la tuta sumo de la importo en 1947 estos 254 milionoj da dolaroj.

Se temas pri la eksporto, la plej granda nombro da subskribitaj ĝis nun kontraktoj temis pri liverado de nia karbo kaj koakso, kio multe helpas rekonstrui la detruitajn eŭropajn landojn.

Laŭ la proksimumaj nombroj la tuta sumo de la eksporto en 1947 atingos 208 milionojn da dolaroj.

En la kuranta jaro treege pliviglìĝis la komercintertraktoj. Ni subskribis longdaŭran komercan kontrakton kun Svedio kaj Britlando, kun kiuj ni ankaŭ subskribis kreditkontraktojn. La samo okazis kun Jugoslavio kaj Ĉeĥoslovakio. En la proksima tempo ni priparolos komerckontrakton por longa periodo kun Sovjetunio.

En la eksterlanda komerco en tiu ĉi jaro ni atingos 80 procentojn de la antaŭmilitaj spezoj.

Tre karakteriza por nia eksterlanda komerco estas la tendenco pligrandigi la spezojn kun la maraj najbaroj de Pollando, kun la skandinavaj landoj, Anglio kaj Norda kaj Suda Ameriko.

La fakto, ke 75 procentoj de la mondkomerco okazas per marvojoj, la fakto ke nova Pollando posedas ne unu, sed plurajn marhavenojn, inter kiuj estas tri grandaj havenoj: Szczecin, Gdynja, Gdansk, ke la tunaĵo de la komercŝiparo, kvankam ankoraŭ ne tro granda, sed jam estas superanta la antaŭmilitan (125 procentoj) montras, ke Pollando havas ĉiujn eblojn por aktive partopreni la internacian komercon.

La trijara ekonomia plano de la rekonstruo de la lando havas la ĉefan taskon plialtigi la vivnivelon de la loĝantaro de Pollando. Por tion akiri ni ne povas vivi izolite aŭ nur limiĝi ekskluzive al la rilatoj kun la najbaroj, sed intime kunlabori kun la mondmastrumado. Tiun ĉi principon ni plene realigas.

Loĝantino de Suda Londono kiel kutime iris en sian vendejon por aĉeti necesajn manĝvarojn. Ŝi prenis kelkajn artiklojn kaj petis konforme al sia manĝkarto ovon. Ŝi ricevis ĝin. Sed per tio ne finiĝis ŝia feliĉo dum tiu ĉi tago. Ĉar krom la aĉetita ovo ŝi ricevis ankaŭ alian ovon — lignan, sur kiu estis videblaj pola flago kaj vortoj: „Jen mi estas, la tridekmiliona ovo.“

Tiu ĉi aldono al la tridekmiliona ovo eksportita de Pollando rajtigis la loĝantinon de Londono ricevi verajn 360 ovojn — la donacon de la poloj.

# Okaze de la Berna kongreso

La artikolo de d-ro Lapenna en n-ro 13—14 de via revuo devigas min fari kelkajn rimarkojn.

Unue mi demandas: Kion dirus la jugoslavia aŭ alia landa registaro, se iu ministro, sen antaŭa averto al siaj kunministroj kaj eĉ sen averto al la ĉefministro, prezentus al la parlamento gravan proponon? Ĝuste tiel agis d-ro Lapenna dum la Berna kongreso. Ni aliaj estraranoj kaj komitatanoj estis tute surprizitaj, kiam d-ro Lapenna faris sian buŝan proponon pri rezolucio. Kiam je la komenco de la koncerna kunsido li petis la parolon, mi demandis lin pri kio temas, ĉar oni je tiu parto de la tagordo aŭskultis kelkajn salutparoladojn. Mi ricevis la informon, ke temas pri rezolucio.

La parolado, per kiu d-ro Lapenna faris sian proponon pri la rezolucio, estis surprizo al mi kaj al multaj. Speciale lia deklaro, ke la rezolucion subskribis 8 nacioj estis tre atentinda. Kaj persone mi efektive estis surprizita kaj kiel prezidanto de U. E. A. kaj kiel prezidanto de Sveda Esperanto-Federacio, ĉar nek mi nek iu alia estrarano de U. E. A. aŭ de la sveda federacio estis pridemanditaj, ĉu ni volas subteni la rezolucion. La procedmaniero aspektis kiel manipulacio surprizataki eventualajn kontraŭlojn.

Post la parolado de d-ro Lapenna mi petis lin transdoni al mi la rezolucion skribe. Tion li faris sed samtempe rimarkis, ke mi verŝajne ne povos kompreni liajn notojn. Kaj la rezolucio efektive estis tial malnete skribita kun forstrekoj kaj diversaj aliigoj en la teksto, ke la skribaĵo ne donis al mi klaran imagon pri la enhavo. Mi opinias, ke kiam oni prezentas sufiĉe gravan rezolucion al tutmonda organizaĵo, la teksto devas esti prezentata en tute legebla formo.

En la artikolo de d-ro Lapenna estas menciata, ĉu por meti min en malfavoran situacion, ĉu por alia celo, mi ne scias, ke mi voĉdonis kontraŭ la rezolucio. La fakto estas, ke mi jam antaŭe en la komitato principe deklaris, ke mi kiel prezidanto ne partoprenas voĉdonadojn, ĉar mi estas reprezentanto de la plimulto. Kaj mi lojale obeas al la decido de la plimulto. Se iu decido estus laŭ mia kompreno danĝera por la asocio, mi eksiĝos kiel prezidanto.

Fine d-ro Lapenna plendas, ke mi en iu kunsido (cetere du!) forprenis de li la parolon post tri minutoj. Kompreneble, ĉar la kunsido jam akceptis la decidon, ke ĉiu parolanto havu je sia dispono nur 3 minutojn. Mi volonte konsentas, ke d-ro Lapenna estas tre elokventa parolanto, sed ĉu mi pro tio permesu al li paroli dum ekz. 20 minutoj, kaj al ĉiuj aliaj dum 3 minutoj? Ĉu iu vere kuraĝas akcepti la principon: por favorataj parolantoj ne estas templimo, aliaj parolu dum maksimume 3 minutoj? Mi tre miras, ke d-ro Lapenna plendas pri mi en tiu punkto, ĉar ĉiu devas respekti faritan decidon. Mi opinias, ke laŭ internacia kutimo ĉe kongresoj mi agis tute juste kaj korekte, kiam mi avertis lin post 3 minutoj, ke lia tempo jam forpasis. Al tio mi aldonu, ke d-ro Lapenna malrespektis la prezidanton kaj daŭrigis ankoraŭ 3—4 minutojn. Ĉar mi ekzakte notis la minutojn de ĉiu parolanto, neniu dubu pri miaj vortoj.

La artikolo de d-ro Lapenna enhavas multajn gravajn kaj atentindajn punktojn. Mi nur bedaŭras, ke li permesas al si enmeti vortojn, kiuj povas ofendi sincerajn esperantistojn kaj eĉ kolegojn de la komitato de U. E. A. Volonte mi konsentas, ke senkaŝa kritiko de kritikindaj faroj estas bezonata kaj necesa, sed kial publikigi tion en tia maniero, ke ĝi vekas malĝojon inter la esperantistoj kaj ĝojon inter niaj malamikoj, t. e. inter kontraŭesperantistoj, idistoj, occidentalistoj, basic-angloj k. a.?

Ankoraŭ nia movado estas tiel relative malgranda kaj malforta, ke ni unuavice akcentu komuninteresajn aferojn, kaj duavice aŭ triavice ni pritraktu tiajn problemojn, kiuj ne kolektas ĉies aprobon.

Kiam ni konstruas la vojon, laŭ kiu Esperanto povos atingi la finstacion, ni ĉiuj lojale kunlaboru, ĉar se la diversaj individuoj konstruus la vojon ĉiu laŭ sia propra opinio, la vojo certe ne taŭgus por ebligi al Esperanto veni al la celo!

E. MALMGREN

Prez. de U. E. A.

# Responde...

Ĉar s. Malmgren demandas, mi estas libera respondi per kelkaj vortoj:

1) En ĉiu parlamento de la mondo la deputitoj rajtas fari proponojn. La parlamento povas ilin akcepti aŭ ne. La komparo de parlamento kun la Universalaj kongresoj de Esperanto tamen ne taŭgas, ĉar la kongresoj ne estas superaj leĝdonaj organoj de U. E. A. Kontraŭe la Kongresoj povas la diversajn proponojn nur diskuti kaj voĉdoni pri ili en formo de deziresprimoj, kiuj estos pritraktataj de la Komitato (art. 32 de la Statuto). Eluzante tiun artikolon, mi proponis en la nomo de ok landaj asocioj la rezolucion al la tria laborkunsido de la kongreso. Mi do agis plene laŭ la ĝeneralaj principoj de demokrateco kaj laŭ art. 32 de la Statuto, kiun s. Malmgren, mi supozas, bone konas.

2) La rezolucio estis proponita tial, por ke ĝi estu akceptita aŭ malakceptita de la Kongreso. Sekve ankaŭ s. Malmgren havis la okazon ĝin subteni. Li tion ne faris, sed li voĉdonis kontraŭ ĝi. Ne tial ĉar li ne scius pri kio temas (klarigojn cetere, li povis en ĉiu momento ricevi), sed tial ĉar li tre bone komprenis ĝin. Nu, post la publikigo de la rezolucio en „Esperanto" kaj en „Int. Kult.", mi esperas ke ĝia teksto fariĝis „legebla" ankaŭ por s. Malmgren kaj al li prezentiĝas bonega okazo aliĝi almenaŭ nun al ĝi, kiel tion faras amaso da esperantistoj kaj esperantistaj societoj el diversaj landoj!

3) Mi plene kredas al s. Malmgren, ke li „ekzakte notis la minutojn de ĉiu parolanto". Mi notadis iliajn vortojn. Tio ŝajnis al mi pli interesa kaj tio ebligis al mi skribi la artikolon en IK n-ro 13—14! Cetere, en siaj notoj s. Malmgren povos trovi ke multaj kongresanoj parolis pli ol tri minutojn. Min la prezidanto ĉiam interrompadis tuj post la famaj „tri minutoj". Neniun kongresanon la prezidanto demandis pri kio li parolos (tute normale, kompreneble). Nur de mi li postulis, ke mi diru pri kio mi intencas paroli (ne tre normale, sed tute kompreneble!) Kaj nun li ankoraŭ riproĉas min, ke mi ne informis lin oficiale pri la enhavo de la proponota rezolucio!! Kial, mi petas, mi devus informi pri tio s. Malmgren? Laŭ kiu artikolo de la Statuto, kiun s. Malmgren trovas bona kaj mi malbona?

4) Kelkaj esperantistoj „malĝojis" pro mia artikolo, sed multaj tre ĝojis. Tamen mi devas konfesi, ke mi persone neniam skribas artikolojn por ĝojigi aŭ malĝojigi iun ajn, sed por konigi la veron kaj por klarigi la problemojn laŭ miaj fortoj. La „idistoj, occidentalistoj, basicangloj k. a." (se tiaj -istoj kaj -anoj entute ie en la mondo ekzistas kiel iom pli serioza forto) povas nur „malĝoji" (aŭ — pli simple — aliĝi al Esperanto) vidante nian forton. Ĉar forta estas tiu, s. Malmgren, kiu kapablas kritiki sin mem. Nur la struto enŝovas la kapon en la sablon kaj pensas ke ĉio estas en ordo!! Mi ne timas la veron kaj mi absolute ne povas kredi, ke ĝi „povas ofendi sincerajn esperantistojn..." aŭ malutili al la Internacia Lingvo. Kontraŭe, akra kritiko estas necesa por liberigi Esperanton de la peza kaj danĝera balasto, amasiĝinta ĉirkaŭ ĝi dum jardekoj, kiu malhelpas la liberan evoluon kaj grandskalan disvastiĝon de la lingvo. Hodiaŭ pli multe ol iam ajn!!

5) Pri la aliaj punktoj de la artikolo de s. Malmgren estas superflue paroli, ĉar liaj vortoj per si mem parolas sufiĉe klare kaj sufiĉe laŭte.

D-RO IVO LAPENNA

# Infana kurso

De la komenco de l' pasinta lernjaro mi malfermis fakultativan Esperantan kurson en mia popollernejo. Partoprenis 18 geetuloj. La gelernantoj estis 9-jaraj, de la dua klaso (la bulgara unuagrada popollernejo havas kvar klasojn). Preskaŭ dum la tuta lernjaro la instruado konsistis el rakontado: mallongaj rakontoj kaj konversacietoj. La lecionoj estis instruataj dufoje semajne.

Dum la kuranta lernjaro la kurso daŭras kun la samaj gelernantoj, kiuj estas jam en la tria klaso de la popollernejo. Ĉi jaron mi ekkondukis krom la paroladekzercoj ankaŭ skribadon.

Jam estas tempo por legado, tamen mankas konvenaj lerno- kaj legolibroj por infanoj.

Mi deziras, ke ĉi esperantistetoj kontaktiĝu letere kaj bildpoŝtkarte kun samaĝuloj alilandaj.

Do skribu al la kursgvidanto: St. Trifonov, ĉefinstruisto, selo Rjevo-Konare, Plovdivsko, Bulgario.

## FRANCAJ LABORISTAJ ESPERANTISTOJ ALIĜIS AL LA REZOLUCIO

*Ankaŭ la Franca Labor-Esperantista Federacio aliĝis al la rezolucio de la ok landaj asocioj, kondamnantaj la faŝismon kaj la preparantojn de nova milito. En nia redakcio estis ricevita la sekvanta letero:*

*Al la Balkana Kontakta Komitato*

*Karaj kamaradoj,*

Ni konfirmas nian pozicion, kaj tiun de nia k-do *Laugier*, nia reprezentanto dum la Berna Kongreso.

Ni senrezerve kaj entuziasme aprobas kaj subskribas la balkanan rezolucion, kiu plenfidele reliefigas nian kondutlinion.

La *Labor-Esperantista Faderacio* en Francio, prenas sur sin la promeson disvastigi kaj defendi inter la franca esperantistaro, de nun nian komunan rezolucion.

Vivu la kontraŭfaŝista Esperanto!

Por la Labor-Esperantista Federacio en Francio (FET).

La Informservo-respondeculo,
***Roger Lebrun***

*En Parizo la 1-an de Novembro 1947*

# La Labor-Esperantista Federacio en Francio

***Al la esperantistoj en Greklando***

*La Labor-Esperantista Federacio en Francio plej frate kaj emocie salutas la heroajn esperantistojn kaj la tutan popolon de Greklando, kiuj venke kaj necedeme luktadas por sia vera sendependeco kaj libereco, estantaj ankaŭ tiuj de ĉiuj popoloj.*

*Klinante nian verdan flagon antaŭ la martiroj, ni senkompromise kaj laŭ niaj fortoj senmaskigos la militbruligantojn kaj la novajn posthitlerajn sklavigistojn.*

*Vivu la heroaj esperantistoj de Greklando!*

*Vivu la helena popolo!*

*Por la Labor-Esperantista Federacio*
***R. Lebrun***

# En defendo de la greka libereco

R E Z O L U C I O

***La Sofia Esperantistaro, kunveninte ĉe sia jarkunveno la 30-an de Decembro 1947, varme salutas la bravan grekan popolon, kiu batalas por sia libereco kaj sendependeco.***

***La Sofia esperantistaro esprimas sian solidarecon kun la demokrata greka popolo kaj ĝia registaro, gvidata de legendeca generalo Markos. La batalo de la grekaj patriotoj kontraŭ la monarkofaŝismo kaj ties subtenantoj — la usona kaj angla imperiismo—estas justa batalo, kaj la Sofia esperantistaro alvokas ĉiujn honestajn kaj demokratajn samideanojn de la tuta mondo subteni morale la heroan grekan popolon, batalantan por sia libereco.***

*Por la jarkunveno, Prezidanto:* ***Assen Grigorov***

# Novaĵoj el Albanio

La klereco en Albanio estis treege reduktita dum la estintaj reĝimoj sub la preteksto ke jam troviĝas en la lando troa kvanto da inteligentuloj. Ĝi estas la kaŭzo pri la granda nombro da analfabetuloj ĝis la momento de la liberigo de Albanio, kiam la analfabeteco atingis 87% de la loĝantaro. Dum 1924-25 jaroj en Albanio funkciis 458 unuagradaj lernejoj, kiujn vizitis 25,000 lernantoj kaj 6 gimnazioj, kiujn vizitis 730 lernantoj. En 1939 — 15 jarojn post tiu reĝimo — la nombro de la lernantoj atingis 52,000, t. e. iom pli ol la duono, kio signifas pliigon proksimume de 2,000 lernantoj pojare. Estis necese ke forpasu pli ol 60 jaroj por ke estu laŭleĝe enkondukata la deviga instruado de la infanoj.

En la lernjaro 1946-47 la nombro de la lernejoj kaj gelernantoj estis proksimume duobligita. De 1944 j. estas jam pliigo de 56,000 gelernantoj, por kies instruado dum la pasinta reĝimo estus estintaj necesaj tutaj 28 jaroj.

En 1924 jaro estis 458 lernejoj, en 1939 j. — 665, t. e. kun pliigo de 14 lernejoj meze pojare. Dum la nuna popola reĝimo estas notita pojara pliiĝo de 235 lernejoj aŭ por tri jaroj estas jam tia pliiĝo kiu estas trifoje pli granda ol la pliiĝo, kiu realiĝis por 15 jaroj dum la pasintaj reĝimoj.

El tio sekvas, ke la tuta estinta politiko de la reĝimo de Zogu celis teni la popolon en analfabeteco sub la preteksto pri superklereco. La nuna reĝimo de la popola régado kontraŭe ebligas la pliiĝon de la lernejoj de la laboranta popolo. Kaj oni ja scias, ke nur per kleraj homoj oni povas pli rapide efektivigi la novan vivon sur la vojo al la socialismo.

# Eta kroniko

ITALIO. En Milano Esperanto estas instruata nedevige en la ŝtata Teknika Komerca Instituto kaj en dimanĉaj lernejoj por fremdaj lingvoj (6 kursoj). Fine de junio okazis ekzamenoj de unua, dua kaj tria gradoj, kaj la komunumo Milano donis instruistan diplomon al la sukcesintaj triagradaj ekzamenitoj.

UNO. La petskribo al UNO ricevis ĝis la 6-a de junio 272.961 subskribojn. Rekordon en la kolekto atingis bulgara fervoj-oficisto Petro Lilkov.

(El „Heroldo de Esperanto", № 1073 de 1947 jaro).

NEDERLANDO. En Bergen-op-Zoom estis malkovrita la Zamenhofa memortabulo, kiu anstataŭas tiun, kiun la germanoj detruis en la pasinta milito.

# VARBU POR „INTERNACIA KULTURO!“

*Samideanoj, abonu al „Internacia Kulturo“, sendante senprokraste vian abonkotizon al via landa peranto laŭ la ĉi-suba tabelo! Kontraŭ la indikita sumo vi ricevos 12 n-rojn de la gazeto, aperontajn dum 1948. Atentu la malaltigitajn prezojn!*

*Ni alvokas niajn amikojn de la tuta mondo, la gesamideanojn kiuj ŝatas la pacon kaj batalas kontraŭ bruligo de nova imperiisma milito, la esperantistojn, kiuj per internacia korespondado aktive partoprenas la konstruadon kaj firmigon de la demokrata solidareco inter la popoloj: fariĝu niaj abonantoj kaj kunlaborantoj!*

*Subtenante „Internacian Kulturon“, vi subtenas la batalon por justa demokrata paco, vi helpas la kulturon kaj la progreson!*

*Ĉiu povas tuj aboni, sendante al la ĉefdelegitoj de USA, al niaj perantoj aŭ fine rekte al ni monon aŭ respondkuponojn laŭ la sekvanta tabelo:*

| Lando | Sendu la sumon al: | Jarabono |
|---|---|---|
| ARGENTINO | E. Eglesias Nunez, Dehesa 1860, Buenos Aires. | 8 pesoj |
| AŬSTRALIO | L. E. Pfahl, 37 Seymour Street, Croydon, N. S. W. | 10 ang. ŝil. |
| AŬSTRIO | Aŭstria Esp. Federacio, Wien, 1, Neutorgasse, 9. | 20 aŭstr. ŝil. |
| BELGIO | Flandra Esperanto-Instituto, P. van Humbeekstr. 3, Brussel W. | 100 fr. |
| BRAZILO | Brazila Ligo Esperantista, Praca da Republica 54, Rio de Janeiro. | 40 krn. |
| BRITLANDO | Intern. Esp.-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth (Herts). | 10 angl. ŝil. |
| BULGARIO | „Internacia Kulturo“, str. Alabin 33, Sofia. | 400 lev. |
| ĈEĤOSLOVAKIO | Ĉeĥosl. Asocio Esperantista, Praha XIX, Uralské nám 9. | 100 kĉs. |
| DANIO | Centra Dana Esp. Ligo, Aalokkenhaven 24, Odense. | 10 kr. |
| EGIPTIO | Tadros Megalli, P. B. 450, Cairo. | 10 angl. ŝil. |
| FINNLANDO | Joel Viikki, Somero. Pĉk. 60253. | 275 fmk. |
| FRANCIO | Union Esp. de France, rue de Chabrol, 34, Paris X. | 240 fr. |
| HISPANIO | R. Gonzalez, C. Gutenberg, 8 pral, Madrid. | 22 pes. |
| HUNGARIO | Literatura Mondo Budapest VIII, Rökk Szilard str. 28 | 24 forintoj |
| IRLANDO | Lorcan O'Huiginn, 1 Bothar Glasárd 16, Tor Fhionnabhair, Dublin (Eire). | 10 angl. ŝil. |
| ISLANDO | O. S. Magnusson, Bergstadastraeti 30 B, Reykjavik. | 13 kr. |
| ITALIO | L. Minnaia, Vialle Guilio Cesare, 223 Roma. | 450 liroj. |
| JUGOSLAVIO | Kroatia Esperanto-Ligo, ul. Amruŝeva 5/I Zagreb | 100 din. |
| KANADO | Internacia Esperanto-Ligo, Heronsgate Rickmansworth, (Herst), Britlando. | 2.50 dolaroj |
| KOLOMBIO (Sudam.) | Ildefonso Nunez, Calle 15, 11-49, Cali | |
| MAROKO | S-ino I. Fink, 5 rue Savorgnan de Brazza, Casablanca. | 2.50 dolaroj |
| NEDERLANDO | Libroservo de FLE, Postbus 8002, Amsterdam aŭ „Heroldo de Esperanto“, Harstenhoekweg 223, Scheveningen. | 240 fr. 5.5 fl. |
| NORVEGIO | R. Rian, Box 178, Trondheim. | |
| NOV-ZELANDO | Bendon Clark, R. D. Makarau, via Kaukapakapa, Northland | 10 kr. |
| PALESTINO | P. Lachowitzky, Kerem Quar. Jerusalem. | 10 ang. ŝil. |
| POLLANDO | Sendu al „IK“, Sofia, Bulgario, neuzitajn purajn poŝtmarkojn nacilandajn, egalvaloraj al | 500 mil. 250 zl. |
| PORTUGALIO | J. de Saldanha Carreira, Av. Grao Vasko 33, r/c., Benfica — Lisboa. | 50 eskudoj |
| RUMANIO | Rumana Esp. Societo, Bukureŝti, Casuta Postala 9. | 340 l. |
| SVEDIO | Einar Adamson, Värmlandsgatan 18, Göteborg. | 9 kronoj |
| SVISLANDO | O. Walder, Eigenheim, Romanshorn, Pĉk. VIII 12139. | 10 frankoj |
| TURKIO | Int. Esp.-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth, Britlando. | 500 piastroj |
| URUGVAJO | D-ro R. Zeballos Morales, Fray Marcos (Florida). | 4 pesoj |
| USONO | Libro-servo de „Amerika Esperantisto“, 114 West 16 Street, New Jork II, N. J. | 2.5 dolaroj |

**RIMARKIGO: Ĉiu povas aboni ankaŭ rekte ĉe la redakcio, sendante al ni 25 respondkuponojn internaciajn, aŭ egalvaloron en neuzitaj poŝtmarkoj nacilandaj.**

**NEDERLANDO**

S-ro Wiin Singer, 19-jara, teknika studento, Tak van Poortulietstr. 27, Delft. Dez. kor. kun ĉl. pri ĉ. t Certe respondos.

**POLLANDO**

S-ro A. Gostynski, Bielsko, str. Miarki 9-II, Slask.




**BULGARIO**

Deziras korespondi kun la tuta mondo k.ĉ.l. Pl, L. pri temoj plej diversaj la jenaj fraŭlinoj: Totka Aleksandrova, Neli Bogdanova, Toni Bogdanova, Zlatka Tokmakova, Neli Karĝanova, Lora Genĉeva, Rozalia B. Kisova, Marija Ruskova, Lili G. Kaneva, Marija An. Koleva, Katja Lambrinova, Jeĉka Stojanova, Hristina M. Dimitrova kaj Vesela Tuzeuzova. Adreso: Zemedelski Institut, II kurs, Pazarĝik.

Ĉiuj kiuj interesiĝas pri la kultura, ekonomia kaj politika vivo en la Popola Respubliko Bulgario povas peti sciigojn de k-do Andreev Dim[illegible], Assenovgrad.

**FRANCIO**

Mi interŝanĝas p. m. kun ĉiuj landoj. Respondo garantiata. S-ro Pierre Bruquerel, 74, rue de Verdun, Bagneux (Seine).

Esperanto-grupeto junulara dez. korespondi. Skribu al: s-ro Alekso Chazal, instruisto, Sain-Bel (Rhône).

**FINNLANDO**

Se estas organizaĵoj en iuj landoj, kiuj dez. kontakti kun finnaj sindikatoj, sport- aŭ parti-organizaĵoj, ili sin turnu al Laborista Esperanto-Klubo — Turku, aŭ: Laŭri Storm, Rauhankatu 31-12, Turku.

**GERMANIO**

Karl Wiencke, dipl.-inĝ., (24) Geesthacht-Elbe, Schillerstrasse 5, dez. kor. kun teknikistoj pri problemoj, kiuj koncernas la lukton kontraŭ la ratoj.

**JUGOSLAVIO**

K-ino Albino Vode. Knezova 18, Ljubljana.

F-ino Mokosek Blanka, lernantino, Ilica 117 a, Zagreb, dez. kor. kun ĉiuj landoj.

F-ino Bojica Ŝpoljar, lernantino, Vrapĉe Donje, Zagreb, dez. kor. kun ĉiuj landoj.

Ana Pavloviĉ, lernantino, Vinogradska 75-a, Zagreb, dez. kor. kun ĉl.

Hedy Ŝafariĉ, lernantino, Gornji Preĉac 21, Zagreb, dez. kor. kun ĉl.

**KOLUMBIO**

Ildefonso Nunez, Calle 15, 11—49, Cali, Colombia, Sud Ameriko

Manuel Galvis G., Carrera 17, 5—60, Cali-Colombia, interŝ. p. m.

**RUMANIO**

Dez. serioze kor. kaj interŝanĝi p. m. Ernesto Schlesinger, str. Regino Maria 22, Cluj.

Stefan Dumbraveanu, instruisto, vilaĝo Dumbrâveni — Botoŝani, dez. kor. pri pedagogio, lingvistiko, muziko.

**USONO**

Dez. kor. kun esperantistoj nur el Sovjet-Unio pri aktualaj mondproblemoj. Nepre respondos. Georgo Gabor, 1021 Ponsi Street, Fort Lee, New Jersey.

# INTERNACIA KULTURO

• KULTURA REVUO DE BALKANLANDAJ ESPERANTO-ASOCIOJ •

ABONO: por 12 n-roj — 400 LEVOJ

Redakta komitato: Ĉefredaktoro: ASSEN GRIGOROV

BULGARIO: Nikola Aleksiev, prof. Petr Dinekov, prof. d-ro Stojan Ĝuĝev, Simeon Hesapĉiev, Vitali Julzari, Ivan Sarafov.

JUGOSLAVIO: d-ro Ivo Lapenna, Bojidar Vanĉik, prof. Rakuŝa, Branko Rajŝiĉ.

RUMANIO: Jon Bunesku, Petre Firu, St. Freamat, K. Peliman, Josif Petrin, Simeon Zal.

Adreso: str. ALABIN 33—III ETAĜO, ĈAMBRO 318, Sofia—BULGARIO


# Radio-enketo

Radio Sofia (Esperanto-fako) entreprenas internacian enketon por povi aranĝi laŭ la ricevitaj demandoj sian programon. De la intereso, kiun montros vi, kara samideano, de tio — ĉu vi persone skribos al ni — dependas ĉu ni faru ĉiutagaj niajn dissendojn. Respondu tuj per letero aŭ poŝtkarto niajn 4 demandojn. Aŭskultu niajn dissendojn je 19.50 horo mezeŭropa tempo, sur mallonga ondo 32.09 metroj. Skribu al jena adreso: Radio Sofia, Esperanto-emisio.

Do, jen estas niaj demandoj:

1. Kian opinion vi havas pri nova demokrata Bulgario?

2. Kion vi scias pri nia ministro-prezidanto Georgi Dimitrov?

3. Kio plej multe vin interesas el la vivo de Bulgario?

4. Kion vi scias pri la plej nova historio de Popola Respubliko Bulgario?